ESPERANTISTO SLOVAKA

ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo

IV-a JARKOLEKTO • JULIO 1949 • NUMERO 7 (37).

# Turč. Sv. Martin—Košice—Bratislava

*Turč. Sv. Martin — Košice — Bratislava, tri kongresurboj, tri mejloŝtonoj, tri simboloj de nia movado en Slovakio, tri atestantoj de nia laboro kaj kredo! La Unua en la centro, la Dua en oriento, la Tria en okcidento de Slovakio simbole montras, ke Esperanto ĉe ni, en la tuta lando, jam profunde enradikiĝis kaj ĝi fariĝis grava kultura faktoro.*

*Se la unua kongreso estis raporto pri ekfloro de nia movado post la dua mondmilito, se la dua montris ĝian organizan plifortigon kaj daŭran kreskon de nia anaro, la tria fariĝu impona manifestado de niaj fortoj, trarigardo de niaj sukcesoj kaj planloko por la nova, vere grandstila agado.*

*Sen troigo oni povas diri, ke nunaj cirkonstancoj estas por ni favoraj. Ĉie pulsas vigla esperantista vivo, ŝtataj aŭtoritatuloj alte taksas la valoron de nia movado kaj estas pretaj subteni ĝin. Organiza problemo de la tutŝtata Esperanto-movado estas tre kontentige solvita kaj montriĝas bonaj perspektivoj por fondi grandan, sur solidaj fundamentoj bazitan esperantistan kooperativon, kiu estus unika en nia movado!*

*Do, sufiĉe da gravaj aferoj por serioze ilin pritrakti. De ni ĉiuj senescepte dependas, ĉu ni ilin neglektos aŭ ĉu ni kapablos ilin reale utiligi. La movado bezonas ideojn, proponojn, saĝecon, laboremajn kaj helpemajn manojn de ĉiu esperantisto. Tial ĉiu, kiu nur povas, vizitu nian Trian, por ke ĝi fariĝu vere impona kaj sukcesplena!*

*Paŭlo Rosa,*
*prezidanto de Slovaka Esperanto Societo.*




# 3a Slovaka Esperanto-Kongreso

## Tria informilo

ADRESO: Ĉiujn korespondaĵojn, rilatantajn la kongreson, sendu je la adreso: 3a Slovaka Esperanto-Kongreso, Bratislava I., Zámočnícka 8/I.

Provizora programo:

Sabato: 7,00 — Akceptado de la kongresontoj.
20,00: Interkonatiĝa vespero.

Dimanĉo: 8,00: Rom-katolika diservo.
8,45: Protestanta diservo.
10,00: Solena malfermo. Ĝenerala kunveno de SES.
12,30—14,00: Paŭzo por tagmanĝo.
14,00—18,00: Ŝipekskurso al Devín.
18,00—20,00: Vespermanĝo.
20,00: Artvespero (teatraĵo).

Lundo: 8,00: Laborkunvenoj, prelego, fakaj kunvenoj.
8,00: Ekzameno pri lingvoscio.
11,00: Solena fermo.
Posttagmeze: ekskursoj en la ĉirkaŭaĵon.

Rimarko: Programeroj (prefere ŝercaj kaj spritaj aŭ artistaj) de kongresanoj por la interkonatiĝa vespero estas bonvenaj. Sciigon pri la prezentota programero, eventuale ĝian tekston aŭ priskribon sendu frutempe al la LKK (adreson vidu supre!).

> Grava atentigo por la kongresanoj! Ĉe alveno al Bratislava nepre serĉu la akceptejon en la ĉefa stacidomo, signitan per verda standardo! Tie vi ricevos informojn pri loĝejo, programo ktp.

---

SCIIGO EL T. SV. MARTIN:

Inter la 1a ĝis 15a de augusto nia redakcio, la Organiza fako de SES kaj la Instituto estos fermitaj kaŭze de libertempo. Dum tiu tempo korespondaĵoj ne povos esti prirespondi taj!



Pruntedonis „Krásy Slovenska".

Slovaka knabino
el la vilaĝo Podbranĉ (Okcidenta Slovakio).

*Janko Jesenský:*

# *Interparolado*

*Mi vin ne komprenas bone,*
*tamen ni interparolas;*
*kion ne esprimas vortoj,*
*tion manoj diri povas.*

*Mi vin ne komprenas bone —;*
*en okuloj flamas ardo:*
*kion ne esprimas vortoj,*
*tion diras la rigardo.*

*Mi vin ne komprenas bone —*
*sed jen bona kompromiso:*
*kion ne esprimas vortoj,*
*tion diru varma kiso!*

El la slovaka tradukis EVT.

# Kio okazas en ĈSR

V.

„LIBERIGITA DOMMASTRUMADO“

La sorto de tolaĵlavistino certe ne estas sopirinda por iu ajn virino kaj la tolaĵlavado en ĉiu hejmo apartenas al la plej malfacilaj kaj streĉigaj laboroj de virinoj. Mizerulinoj kun preskaŭ senhaŭtigitaj manoj, suferantaj de reŭmatismo kaj laboregantaj dum longaj tagoj en densaj vapornuboj — jen tolaĵlavistinoj, eble la plej mizeraj inter proletaj virinoj. Tamen ĉi tiu sorto ne estas nepre neevitebla. Ne estas necese, ke ĉiu dommastrino kun timo atendu la tagon de tolaĵlavado. En la landoj, en kiuj proletarioj ne estas puraj „ekspluataĵoj“ oni sukcese klopodas ĉiam pli efike helpi al laboranta homo, sekve eĉ al la tolaĵlavistinoj. En Ĉeĥoslovakio oni komencis ĉi tiun jaron — la unuan de la 5-jara plano — organizi grandskalan disvastigon kaj fondigon de specialaj entreprenoj „Liberigita dommastrumado“, kiuj iom post iom alportos forigon de la „sklaveco de virino sub malpura tolaĵo“.

La entrepreno „Liberigita dommastrumado“ havas ĝis nun 31 lavejojn en la tuta lando. La plej grandaj kaj plej bone ekipitaj estas en la ĉefurbo Praha, plie en Brno (ĉefurbo de Moravio) kaj Bratislava (ĉefurbo de Slovakio). Ĉi tiun jaron komencos labori pliaj 17 lavejoj. La lavejoj de la entrepreno „Liberigita dommastrumado“ en Praha kapablas lavi dum unu semajno 55.000 kg da tolaĵo. Ĝis la fino de la 5-jara plano lavos ĉiuj lavejoj en Ĉeĥoslovakio je 4,450.000 kg pli da tolaĵo ol nun, alivorte en la jaro 1953 jam preskaŭ 11 milionoj da kilogramoj da tolaĵo estos lavitaj en la lavejoj de la entrepreno.

Tamen la tolaĵlavado ne estas la sola tasko de novaj entreprenoj. „Liberigita dommastrumado“ prizorgas multe pli da „virinaj laboroj“ de la dommastrinoj: la riparado de difektita tolaĵo, ĉiutaga aĉetado de necesaĵoj por la familio, prizorgado de infanoj en ilia propra hejmo dum la patrino laboras ekster la hejmo ktp. Ekzemple la virino, laboranta en la fabriko, survoje al la fabriko lasos en „Liberigita dommastrumado“ slipeton da papero kun notitaj aĉetotaĵoj kaj vespere revenvoje ŝi jam havas ĉion preparitan kaj povas tion kunporti hejmen. Aŭ subite ŝi ekmalsaniĝas kaj ne povas zorgi pri sia hejmo, infanoj ktp. Do ŝi nur anoncos tion al „Liberigita dommastrumado“, kiu elsendos helpantinon

aŭ speciale instruitan infanvartistinon, se pro iu kaŭzo la infanoj ne povas esti en la infanvartejo.

La difektiĝo de la tolaĵo estas minimuma, ja nenia. Sed ne nur tio kaj la forigo de streĉiga laboro estas avantaĝoj de la „Liberig. dommastrumado“. La tolaĵlavado en ĉi tiuj entreprenoj estas eĉ multe pli malmultekosta ol en propra hejmo. La prezoj por lavitaj tolaĵoj estas 0.70 kronoj ĝis 14 kronoj laŭ la speco de tolaĵo. Ekzemple la lavado kaj glatigo de unu ĉemizo kostas 5.50 kr., de unu naztuko 0.70 kr. ktp. La meza prezo por unu peco estas ĉirkaŭ 3 kronoj. Oni prizorgas ankaŭ la riparadon de difektitaj tolaĵoj. Unu nova kolumo por la ĉemizo kostas 28 kronojn. Ankaŭ la riparado estas „maŝina“. La prikudrado de unu butontruo daŭras nur 10 sekundojn. Memkompreneble estas nepre necesa ankaŭ la markigado de ĉiuj talaĵpecoj por eviti interŝanĝon kaj perdon. Ankaŭ tio okazas vere tre moderne, ĉar la signojn (plejparte ciferojn) sur la tolaĵo prizorgas speciala maŝino tiamaniere, ke sur la tolaĵo nenio estas videbla en ordinara lumo. Nur en la lumo de „neonlampo“ brilas la ciferoj kvazaŭ fosforeskaj.

En Strašnice (kvartalo de Praha) komenciĝis jam konstruado de la plej moderna tolaĵlavejo en Eŭropo. Venontan jaron la lavejo komencos jam funkcii kaj enhavos ankaŭ specialajn laborejojn por studi la plej modernajn metodojn de la lavado, purigado, kolorigado ktp. Krom tio estos ĉi tie speciala lernejo por junaj homoj, kiuj poste laboros en similaj entreprenoj en la urboj kaj eĉ vilaĝoj de la lando, kie iom post iom malaperos la ĝisnuna sklavlaboro de ĉeĥoslovakaj virinoj.

*Imrich Zalupský.*

---

ALVOKO.

Por mia faka prelego, okazonta en septembro ĉi jara mi urĝege bezonas sciigojn de ftizeologaj (tuberkuloz-kuracistaj) asocioj naciaj pri disvastigo kaj efiko de „pneumothorax curativus ambulatorius“ en ĉiuj landoj kaj pri ĝia eventuala kompletigo per aliaj kuracmetodoj ambulante efektivigataj. La koncernaj naciaj E-asocioj kaj grupoj estas petataj peri la tradukon de koncizaj raportoj. Helpu al mi montri la efikon de esperantista kunlaboro! Kun sincera antaŭdanko

D-ro Ludoviko Izák, ftizeologo
T. Sv. Martin, ČSR — Slovakio.

(Esperanto-revuoj kaj gazetoj estas petataj represi tiun ĉi alvokon.)

*Jozef Repčák:*

# Libropresado en Slovakio

II.

La komencoj de libropresado en L e v o ĉ a datiĝas de 1614, kiam transloĝiĝis ĉi tien por mallonga tempo sian presejon la bardejov-a *Jakobo Klösz.* Post li aktivis tie ĉi *Danielo Schultz,* kiun ni poste renkontas en Košice. Veran famon al la levoča-a presarto gajnis la patricia familio de *Breuer*-oj (elp. *brojer*). La unua eminenta presisto el tiu ĉi familio estis Laurinco Breuer, kiu estris la presejon en la jaroj 1624—1664. Post li estis ĝia direktoro lia filo Samuelo, kiu ĝin gvidis ĝis 1699 kaj kiu kune kun sia frato Johano, kuracisto, sukcesis florigi ĝin ekstraordinare. En la manoj de Breuer-oj ĝi restis ĝis 1754. Krom la religia kantlibro de Tranovský (Tranoscius) kaj kelkaj verkoj de la mondfama pedagogo Komenský (Comenius) estis en ĝi dum la breuer-a epoko presitaj entute 943 verkoj, el kiuj 61 slovaklingvaj. Apartan atenton meritas la kalendaroj de Levoča, kiuj aperadis en kvar lingvoj. Post Breuer-oj laboras en Levoča *Podhoránsky, Mayer* kaj *Werthmüller*-oj. El tiuj ĉi precipe la lastaj estis por la slovaka nacia vivo multsignifaj, ĉar Tatrín[3] krom la konata *Škarnicel* en Skalica elektis ĵus *Werthmüller*-on kiel sia presisto. La aktivado de tiu ĉi presista dinastio estas tre intime kunligita ankaŭ kun la movado de Štúr[4] en Levoĉa. Ĝis 1860 aperis ĉe Wertmüller 153 slovakaj libroj. Pli postaj presejoj en Levoĉa havis jam nur lokan signifon.

Ne estas tute certe, ĉu en mezo de la XVIIa jarcento estis presejo en S e n i c a (okcidenta Slovakio, ĉe moravia landlimo), kiu — se ĝi ekzistis — estis branĉa entrepreno de la presejo en T r e n č í n, fondita de *Venceslao Vokál* en 1637. Tiun ĉi presejon de protestantaj rifuĝintoj post lia morto gvidis lia vidvino, poste *Vodhaje* kaj *Čižek;* en 1665 aĉetis ĝin *Johano Dadan,* presisto en Žilina. La lasta posedinto, *Danielo*

[3] *Tatrín* (fondita en 1844, de slovakaj eminentuloj) estis „Societo por kultivado de klereco". Ĝi organizis la junan generacion kaj zorgis pri publikigado de libroj.

[4] *Ludoviko Štúr* (1815—1856), gvidanto, konsciiganto, organizanto de la slovaka nacio, politikisto, universitata profesoro, verkisto, redaktoro, kreinto de la literatura lingvo de slovakoj, unu el la plej brilaj eminentuloj de la slovaka nacio en la XIXa jarcento.

*Chrastina* (ĥrastjina) translokis ĝin al Púchov, kie ĝi ĉesis labori en 1730.

En Komárno (suda S.) fondis presejon *Stefano Töltési*, en 1705, kaj en 1789 branĉ-entreprenon *Simeono Petro Weber* el Bratislava. En la sama jaro estis fondita de *Mateo Vitrarius* presejo ankaŭ en Kežmarok, sed pri ĝi ni scias nur malmultege.

La unua presejo en Skalica, pri kiu ni havas fidindajn informojn, estas tiu fondita de jezuitoj. En 1760 ĝi apartenis al *Venceslao Šulc*, de li aĉetis ĝin en 1762 *J. A. Škarnicel*. Tiu ĉi presejo laboris ĝis la fino de la XIXa jarcento. Ĝia signifo estas grandega antaŭ ĉio tial, ĉar ĝi eldonadis etajn verkojn, multnombre disvastigitajn en la nacio.

En Prešov dum nelonga tempo aktivis *Thomaso Scholtz*, kun kies nomo ni renkontiĝis jam en 1656. En 1775 fondis *J. F. Radlitz* definitivan presejon, kiu restas en la manoj de la familio dum 75 jaroj. Ŝanĝinte plifoje sian posedanton ĝi fariĝis havaĵo de la familio *Kósch*, kiu ĝin evoluigis je moderna entrepreno, ekzistanta ĝis hodiaŭ.

En Banská Bystrica estas post la unua presisto granda interspaco. Nur post pli ol 150 jaroj, en 1783, komencas tie presi *Johano Jozefo Tumler*. Poste la presejo estas dum kelkaj generacioj posedaĵo de la familio *Machold;* en ĝi estis presitaj multaj slovakaj libroj. Slovakaj libroj estis presataj ankaŭ en Banská Štiavnica, en la presejo, fondita de *Johano Francisko Sulcer*. Estante sinsekve posedaĵo de *Stefano Mihálik, Lorber* kaj *Aug. Joerges*, la presejo laboris ĝin antaŭ nelonge.

Specialan mencion meritas ankoraŭ Kníhtlačiarsky účastinársky spolok (Libropresa akciula societo, la nuna presejo de nia ES), fondita en 1869 en la centro de slovaka nacia vivo. en T. S. Martin. Ĝiaj klientoj estis ĉefe Matica slovenská, slovakaj gimnazioj, societoj kaj urboj. Ne malpli grava estis ankaŭ la presejo, fondita de *Karlo Salva* en Ružomberok. Salva estis eksintruisto, eksigita pro sia nacia konvinko. En la historio de slovaka libropresa metio gravegaj estas ankaŭ presistoj Johano Bežo (Trnava), Francisko Klimeš (L. Sv. Mikuláš) kaj Ján Párička (Ružomberok).

En la XXa jarcento, precipe post la unua mondmilito la nombro de presejoj en Slovakujo kreskas, konforme al la granda bezono de presita slovaka vorto, kaŭzita per la fakto, ke la slovaka lingvo fine fariĝis oficiala lingvo. En 1919 slovakaj presejoj okupigis 1100 laborfortojn,

en 1948 jam 4268. Hodiaŭ laboras en Slovakujo entute 115 libropresaj entreprenoj, kiuj ĉiutage pretigas centmilojn da gazetekzempleroj kaj zorgas, ke ĉiu slovaka hejmo povu aĉeti bonajn librojn, kiuj kapablas paroli al slovaka laboristo, terkulturisto, inteligentulo, studento kaj infano per komprenebla lingvo kaj plialtigas tiamaniere lian kulturan nivelon. (Fino.) *Esperantigis EVT.*

*Johanes Smith:*

# Infanoj en lernejo

*Malvarmeta somervetero en fremda urbo kaŭzas ofte senton de senhejmeco. Ĝenerale la hotelĉambro estas uzebla nur kiel dormloko kaj nur dum la tempo por manĝi oni havas alian okupadon ol hazardan ĉirkaŭiradon.*

*En tia humoro mi pasigis kelkajn antaŭtagmezajn horojn kun vento kaj malvarmaj ekpluvegoj en irlanda mezgranda urbo. Komence la stratoj iom interesis min, sed tio jam de longe ĉesis, kaj nun mi nur pro manko de alia okupo tamen daŭrigis mian rondiradon.*

*Hazarde mi alproksimiĝis al lernejo. Tra malfermita fenestro mi aŭdis klason da silabantaj infanoj. Ĉu ĝi estis en angla aŭ gaŭla lingvo, mi ne povis determini, kaj ankaŭ ne gravas, ĉar tio sonis precize sammaniere en la urbeto en Okcidentjutlando, kie mi vivis dum mia infana tempo (tion mi memoras de tempo, kiam mi mem vizitis la lernejon), kaj tiamaniere tio certe daŭre sonas, kaj mi kredas, ke antaŭ jarmiloj ĝi sonis tiel same ĉe grekoj kaj sumeroj. Mi ne konas iun pli universalan melodion; ne ekzistas iu pli speciale inspirata tono, kuraĝa kaj monotona, tenata de helaj voĉoj kaj de la forto de komuneco, konstanta — ĉar ne gravas la ĉesigo de unuaj. Fontano de sono, eterne perlanta fonto de infaneco, lernemo kaj babilemo, kaŝrideto inter la tabloj kaj pensema ŝtelrigardo je la vetero ekstere. En la klaso estas eble trovi ĉiujn nuancojn.*

*Eble estis kaŭze de memora elpuŝo, ke mi opiniis, ke la suno komencis brili, sed tamen, la sento de senhejmeco forlasis min. Infanoj de ĉiuj tempoj estas miaj amikoj. Malgraŭ ĉio mi nun sentis min hejme en tiu lando.*

*El dana lingvo esperantigis Ranghild Lőnblod, Varde, Danujo.*

# Por komencantoj

RANO KAJ BOVO.

Proksime al la marĉo, en kiu vivis multe da ranoj, paŝtis sin bovo. Unu rano, kiu lin vidis, diris al siaj amikinoj:

„Ankaŭ mi povas fariĝi tiel granda kiel tiu bovo,“ Ŝi komencis blovŝveliĝi. Post kiam ŝi estis ŝveliĝinta jam longan momenton, ŝi demandis siajn amikinojn:

„Ĉu mi jam estas tiel granda kiel la bovo?“

Sed la ranoj priridis ŝin:

„Vi ankoraŭ ne atingas eĉ lian hufon.“

La rano blovŝveliĝis ankoraŭ pli kaj ree demandis:

„Ĉu mi jam estas tiel granda kiel la bovo?“

„Ne! Vi ankoraŭ ne atingas eĉ lian genuon!“ respondis la ranoj ridegante.

„Nu, mi montros al vi, kia mi estos!“ ekkriis la rano kaj blovŝveliĝis tiagrade, ke ŝi krevis.

La ranoj ridegis longe ĝis la nokto.....

*R. K.*

ŽABA A VÔL.

Neďaleko močiara, v ktorom žilo veľa žiab, pásol sa vôl. Jedna žaba, ktorá ho videla, riekla svojim priateľkám:

„Aj ja sa môžem stať takou veľkou ako ten vôl.“ Začala sa nadúvať. Keď sa už bola hodnú (dlhú) chvíľu nadúvala, opýtala sa priateliek:

„Som už taká veľká ako (ten) vôl?“

Ale žaby sa jej vysmialy:

„Ešte nie si mu ani po kopyto.“

Žaba sa nadula ešte viac a zasa sa pýtala:

„Som už toľká ako (ten) vôl?“

„Nie! Ešte nie si mu ani po koleno!“ odpovedaly žaby s rehotom (rehocúc sa).

„No, ukážem vám, aká budem!“ skríkla chvastavá žaba a nadula sa natoľko (do tej miery), že praskla.

Žaby sa rehotaly dlho (až) do noci...

---

*„La ideo de internacia lingvo regas nuntempe ne nur kelkajn fanatikulojn, sed la amaso de ĝiaj konsciaj adeptoj ĉiam pligrandiĝas. La esperantista movado fariĝas ĉiam pli nerezisteble kulturmovado.“*

ÁRPÁD SZAKASITS, prezidento de la Hungara respubliko.

*Ján Krúdy:*

# Suno super montoj

Ne estis vane batali,
ne estis vane en pluvoj stari
sub baldakeno de morto;
plorantaj vesperoj, kaŝitaj en manplatoj,
plorĝemantaj matenoj,
frosttremo ĉiam ĉe matenkrepusko
ne estis vanaj.

Sur montoj de ĉi tiu lando,
sur nodoj de doloro kaj sufero
venke ni ekstaris
kaj rivereto j de oferoj
— lastaj eĥoj de granda mortado —
rapidis kunflue en profundegajn valojn.

Kaj poste venis mateno,
ĝin sekvis brila tago;
la ter' ensorbis sunon
kaj viv' ekpulsis forte.

Kaj nun suno brilas super montoj,
per amo superŝutas la tutan landon,
kies ni estas propraj infanoj,
kiu ree naskas novan, pli novan vivon,
libera,
feliĉa
kaj glora.

El la slovaka tradukis *EVT.*



Nova turista kabano ĉe lago de Vrbica, proksime de la grotoj de Demänová.
(Pruntedonis la arkivo de „Krásy Slovenska“.)

*J. V. Dolinský:*

# *Lulkanto*

*Patrino luldormigas sian ideton*

*Ha, ĉiu-vespere*
*venas plenmistere*
*la feinoj de l'arbar'*
*al dormanta infanar' —*
*Baju, kara, baj!*

*Frunte kisas ilin*
*same kiel mi vin,*
*mia kara etulin'...*
*(Bona Dio gardu nin!)*
*Dormu, baju, baj!*

*Vin ne trafu, kara,*
*en la viv' amara*
*sort', ne sciu pri la pen',*
*vin ĉirkaŭu Dia ben'!*
*Baju, kara, baj!*

*Elkreskinte plene,*
*preĝu klarmiene*
*antaŭ Dia la altar'*
*por la pac' de la homar' —*
*Dormu, baju, baj!*

*Kaj sur Tero nia*
*estu Regno Dia!*
*Ĉiu forta vira man'*
*nur laboru pri la pan'...*
*Baju... kara, baj!...*

W. H. M. Baerken, ROTTERDAM, Nederlando.

# Kion vi, pliaĝuloj, faras por nia estonto?

Tiu ĉi demando estas prezentata al ni nome de la junularo, kiu mem ankoraŭ ne povas influi sian estontecon. Ilian estontecon devas ja prepari ni, pliaĝuloj.

La plej gravaj trezoroj de la homo estas bona sano kaj paco. Jes, eĉ sen unu el ili feliĉo estas neimagebla, ĉar por la homa feliĉo la unua estas same nepre bezonata kiel la alia. Sed tamen, ĉu oni dediĉas la necesan atenton al tiu ĉi du gravaj trezoroj? Oni ja devas viziti malsanulejon por konsciiĝi pri la privilegio kaj ĝuo de bona sano.

La samo valoras koncerne la pacon. Ni ja devis travivi kruelan mondmiliton por konsciiĝi pri la granda valoro de la mondpaco; kun

larmoj je ĝojo en la okuloj ni alproksimiĝis la pacon en la 1945. Kaj nun, kvar jarojn poste? Ĉu oni ankoraŭ dediĉas atenton al la paco? Tamen, se oni volas konservi kaj daŭrigi ĝin, oni devas ion fari por ĝi; oni devas utiligi kaj ekspluati ĉiujn ilojn, kiuj progresigas la pacon. Kunlabori en tiuj ĉi klopodoj estas la plej granda servo, kiun vi povas fari por la junularo!

Paco ja signifas bonfaron por la junularo en la estonteco; kontraŭe milito signifas por ili abismon! Milito ja estas la plej terura el ĉiuj malbonoj. Malgraŭ tio, ke neniu popolo en la mondo deziras militon, tiu ĉi skurĝo minacas ĉiam super iliaj kapoj. La kaŭzo? Nu, ĉar la popoloj vivas inter siaj malvastaj limoj kaj pro la lingvo-diferenco ne povas interrilati inter si. Ĝuste tiel ĝi estas, kiel deziras la situacion tiuj sinjoroj, kiuj disponas pri la paco aŭ milito. Ni ne plu interkonsentu pri tio, ĉar ni povas kaj devas agi alimaniere!

D-ro Zamenhof, la kreinto de Esperanto, donis al ni potencan ilon. Esperanto, la mondlingvo, vekas amon kaj fratecon inter la popoloj, malaperigas la limojn, tial la homoj ne plu kiel fremduloj, sed kiel fratoj rilatas unu kun la alia.

Distancoj ne plu ekzistas; nuntempe oni aŭdas pri nombraj internaciaj kongresoj de laboristoj, junularo, sportuloj, komercistoj ktp., sed kia estas ilia praktika rezulto pro la lingvo-diferenco? Esperanto jam pruvis sian taŭgecon ne nur en la vigla korespondado inter esperantistoj de la tuta mondo, sed precipe ankaŭ en multaj internaciaj kongresoj, kiuj okazas ĉiujare kaj kie oni parolas nur Esperanton. Tie ĉeestas homoj de kvardek aŭ pli diversaj nacioj kaj tie ne regas babilona konfuzego de lingvo, sed dank' al Esperanto, la komuna lingvo, regas tie la spirito de frateco kaj la vorto iras de la buŝo al la koro!

Kion povas atendi la junularo en la estonteco: ĉu pacon aŭ militon? Pliaĝuloj, vi havas la respondon! Faru vian devon kaj helpu, efektive kunhelpu progresigi la pacon! Kiel?

1e: Atentigu viajn infanojn pri la utileco kaj neceso de Esperanto!
2e: Studu mem la mondlingvon Esperanto!
3e: Subtenu la esperantan movadon!

Rimarko de la redakcio: Certe ĉiuj esperantistoj kredas tion, kion la aŭtoro diras. Restas al ni nur la laboro kredigi tion al la cetera, neesperantista publiko — kaj tio estas jam afero pli malfacila (vidu ekzemple la ĝisnunan sintenon de la sekretariejo de UNO!).

KULTURDOMO DE PROFESIAJ SINDIKATOJ en Krakovo enkondukis en sian kulturklerigan laborplanon la instruadon de la lingvo ESPERANTO.

La solena malfermo de la kurso okazis la 15-an de februaro je la 19-a ĉe la tutplena salono. Direktoro de la *Kulturdomo* prezentis s-ron prof. *Sygnarski*, lektoron de Esperanto ĉe Jagellona Universitato, kiu prelegis pri Esperanto kiel plej perfekta interkompreniĝilo. Tute prave la *Kulturdomo* enkondukis ĉi tiun lingvon por siaj membroj, ĉar vera kulturo estas HOMA KOMPRENO kaj HOMA KOMPRENO povas ekesti nur per la helpo de unu mondlingvo — *Esperanto*. Esperanto ne estas nur lingva problemo, sed ankaŭ potenca socia faktoro kaj simbolo de la tutmonda solidareco.

Por montri al la aŭskultantaro la praktikan utilecon kaj facilecon de ĉi tiu artefarita lingvo, s-ano *Piotrowski,* kiu ĉeestis la prelegon, parolis esperantlingve, kiamaniere li fariĝis esperantisto.

La efiko de ĉi tiu propagandvespero estis, ke por la kurso enskribiĝis pli ol 60 personoj. La kurso daŭris ĝis la mezo de junio kaj ĝi finiĝis per publika solena fermo kaj ekzameno. Ĉiu partoprenintoj, kiu sukcesis en la ekzameno, ricevis diplomon.

Tutmondaj gesamideanoj bonvolu sendi gratulleterojn, bildkartojn, gazetojn kaj aliajn esperantaĵojn al la adreso: DOM KULTURY Zwiazków Zawodowych, KRAKÓW, Rynek Glówny 27, Polujo, por ke oni povu vidi propraokule, kiel disvastigita estas nia lingvo en la tuta mondo. Respondon ricevos ĉiu.

*Estrarano.*

## PROVADO EN LA TEATRO.

En la teatro oni ĵus havas provon. La aktoroj krias, la reĝisoro kriegas kaj la direktoro furiozas. Fine ĉion superas la tondra voĉo de la direktoro:

— Kio estas tio ĉi? Frenezulejo?

— Ne! — diras unu el la aktoroj, — ĉar en la frenezulejo almenaŭ la direktoro estas normala!

---

Uvedomelý esperantista korešponduje na listoch a korešpondenčných lístkoch so zelenou hviezdou a nápisom: Medzinárodný jazyk ESPERANTO, reč budúcnosti.

1 list (21×30 cm) s obálkou . . . . . . . . Kčs 1.—

1 korešpondenčný lístok . . . . . . . . . Kčs —.40

Výborný papier, vkusné vyhotovenie. Objednávky vybaví Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29.

---

Každú zmenu adresy oznámte hneď administrácii. Ďakujeme!

## EL ESPERANTUJO

SALUTON al la slovaka gesamideanaro pere de Slovaka Esperanto Instituto, resp. nia gazeto sendis:

polaj instruistoj, kunvenintaj en Sopot, okaze de Tago de pola-ĉeĥoslovaka amikeco;

Paŭlo Balkányi en nomo de la hungara popoldemokrata junularo, okaze de subskribo de la hungara-ĉeĥoslovaka kontrakto pri amikeco kaj reciproka helpo;

Ant. Hromada, vicprez. de Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj D-ro Stan. Kamarýt, redaktoro de „Esperantista", okaze de kursfinaj ekzamenoj en banurbo Karlovy Vary. Subskribitaj estas ankaŭ aliaj instruistoj kaj gekursanoj.

LA 34-A UNIVERSALA ESPERANTO-KONGRESO EN BOURNEMOUTH, sudangla mara banurbo, okazos la 6—13an de aŭgusto. Estis dissendita riĉenhava kongresa libro, kiu atestas pri vere zorgoplenaj kaj konsciaj preparoj, ĉar pro la granda nombro de la aliĝintoj (preskaŭ 2000) kaj manko da sufiĉe grandaj ejoj, oni devas ekz. aranĝi la interkonatiĝan vesperon, balon ktp. dividite en tri lokojn. — Por la 20a horo marde, la 9-an de aŭgusto, estas programita prelego de D-ro Ľ. Izák, sekretario de Slovaka Esperanto-Instituto, pri la slovakaj stalaktitaj grotoj, kun lumbildoj.

VIZITOJ EL EKSTERLANDO.

Francaj s-aninoj, fratinoj Odette kaj Clairette Frégonara el Genevo, kiuj ĉeestis la kongreson en Liberec, vizitis dum sia restado en ČSR plurajn lokojn, el kiuj ili ricevis inviton. S-anino Odette Frégonara vizitis ankaŭ Slovakion, nome la urbojn Piešťany, Bratislava kaj T. Sv. Martin.

Britaj ges-anoj Karola kaj Reto Rossetti el Skotlando profitis la traveturon tra nia lando al Hungarujo por viziti kelkajn lokojn. Inter aliaj ili vizitis (la 9an de julio) ankaŭ Bratislavan, kie ili estis gastoj de Loka grupo de SES.

Ni sincere kredas, ke niaj karaj gastoj bone fartis ĉe ni.

UNUA EKZAMENO PRI LINGVOSCIO. Laŭ interkonsento, farita en Liberec okaze de ĝen. kunveno de ĈEA fondiĝis komuna tutŝtata ekzamena komisiono de EAČSR kun ĉeĥa kaj slovaka senatoj. La subtatra industria urbeto SVIT povas fieri, ke en ĝi okazis la 26an de junio la unua ekzameno pri lingvoscio en Slovakio. Al la ekzameno submetis sin 20 personoj, plejparte estintaj gekursanoj de s-ano D-ro Ed. Sahliger, nome J. Buksa, F. Heinrich, E. Haľama, E. Hercegová, D. Kostolný, N. Lipták, M. Novák, L. Nullas, Št. Otrubčiak, Ž. Pazúriková, V. Petrašovičová, P. Piršč, E. Rašková, M. Šterbáková, Št. Toth, Vl. Valach, V. Varga, J. Vernársky, M. Vozár, M. Zvara. Ĉiuj bone sukcesis. La ekzamenon gvidis Paŭlo Rosa, prezidanto de la slovaka senato.

NOVA ESPERANTO-RONDETO fondiĝis ĉe la IIIa ordeno de franciskanoj en Bratislava. Gvidanto estas P. Titus, sekretario f-ino K. Kovačičová. Kunvenoj okazas dufoje semajne, merkrede kaj venderede je la 19a horo en la franciskana monaĥejo.

ESPERANTO FILM-GRUPO.

La 15an de Junio 49, E. F. G. rememoris sian dujaran ekzistadon. En sia jarraporto la prezidanto, s-ro Dercks, konstatas, ke la membroj povas esti kontentaj pri la akiritaj rezultatoj. Multege da laboro oni faris, kio montriĝu

el kelkaj ciferoj. La tuta korespondado amasiĝis ĝis proksimume 1000 en- kaj eksterlandaj leteroj. La prezidanto korespondis kun 79 landoj. La financa bazo estas tute sana. Ĝis nun la membroj tradukis 19 tekstarojn (entute 466 paĝoj), kiujn ni jam eldonis. Multaj en- kaj eksterlandaj gazetoj menciis la E. F. G. Ni nombras pli ol 100 artikolojn kaj recenzojn. En 32 diversaj landoj jam nun estas bonaj perantoj kaj reprezentantoj. La interesiĝo por la filmstrioj estas kontentiga. Plejmulte dezirataj estis la filmstrioj pri „Grekujo", „La Araboj" kaj „Sovaĝaj bestoj en Afriko". En sia tria jaro la E. F. G. starigos (kaj jam parte starigis) novajn grupojn, kiuj laboros sammaniere. Ankaŭ aliaj, kapablaj Esperantistoj, kiuj disponas je sufiĉa tempo, povas sin anonci.

SOLVO de la magia trianglo el n-ro 4—5: 1., urtiko, 2., reiro, 3., tiri, 4., iri. 5., ko, 6., o.

## ANONCOJ.

S-ro Gustáv Rumánek, peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ČSR-Slovakio, dez. kor. kun t. m. Certe respondos!

ABC — klubo de korespondemuloj kaj kolektantoj ebligos al vi amikan aŭ komercan korespondadon, interŝanĝadon de poŝtkartoj, poŝtmarkoj, moneroj, libroj, gazetoj aŭ diversaj kuriozaĵoj kun la tuta mondo. Kluba organo estas la ABC — Monda adresaro. Tutjara abono: 50.— Kčs. Petu prospekton de: Prof. Petro Zévl, Kralovice u Plzně, ČSR.

S-ro Ján Burda-Mráz, DLHÉ NAD CIROCHOU 143, okr. Snina, ČSR, Slovakio, dez. kor. kaj iŝ pm. kaj belajn il. p. k. kun t. m.

15 gekursanoj 8—15 jaraĝaj dez. kor. kun t. m. Adreso: Národná škola (Nacio lernejo), HONT. TESÁRE, okres Krupina, ČSR, Slovakio.

S-ro Hermann Liebelt, Magdelstieg 91, IENA, Germanujo, Soveta zono, dez. kor. kun t. m. pri ĉ. temoj, event. ankaŭ franclingve kaj anglalingve.

S-ino Ludmila Kavková, fakinstruistino, Kozlovská 49, PŘEROV, ČSR, serĉas gekorespondantojn por esp-a interes-rondeto ĉe mezlernejo (14-jaraj lernantoj); dez. iŝ. il. pk.

S-ro František Hynšt, VESELÍ nad Moravou 1020, ČSR, dez. kor. kun t. m. pri botaniko.

## PERSONAJ SCIIGOJ

S-ano Alojz Kvasnička el T. Sv. Martin anoncas sian promocion je doktoro de ĉiu medicino. Gratulon!

Věra Nováková kaj Tibor Simon en Chotějovice, anoncas sian geedziĝon. Korajn bondezirojn!

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.